## Abonprezo de I.P.R.

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de T.A.G.E.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guldenoj.

Por la abonkotizo estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Britujo** | 5.— | ŝil. |
| **Belgujo** | 37 | fr. |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 20 | ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 | kronoj. |
| **Francujo** | 25 | frankoj. |
| **Germanujo** | 4 | markoj. |
| **Hispanujo** | 12 | pes. |
| **Hungarujo** | 7 | peng. |
| **Jugoslavujo** | 50 | din. |
| **Latvujo** | 5 | latoj. |
| **Norvegujo** | 6 | kron. |
| **Polujo** | 8 | zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 | leoj. |
| **Svislando** | 5 | frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 | dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 9715. Nederlando.

2) Ne sendu poŝtmarkojn.

3) Sendu papermonon en registrita letero.

4) Se vi preferas kuponojn, sendu 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.

5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

---

## Agentoj de T.A.G.E.

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE. Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au College de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon, Harrow St,, Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Belga:** H. Rainson. Hombeekschesteenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Valĉanov, Ljuben Karavelov. 40. SOFIO.

**Ĉeĥoslovaka:** Th. Kilian, TREBIĈ, Komerca Akademio poŝtĉekkonto Brno Nr. 114.322. B.

**Ĉina:** Chang-Ching-Chiu, 21 Ta-Shin-Street, JUNNAN FU.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** Kn. Aa. Andersen. ONSILD. Poŝtĉekkonto: No. 55673.

**Estona:** Ain Vahuri. VIRU-KABALA.

**Franca:** G. Chatelain, ARGENCES, (Calvados) Poŝtĉekkonto: 17606 Rouen.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Soroksári ut. 38-40. V. 6. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya. Poŝtĉekkonto: Tokio 62061.

**Jugoslava:** Peter Golobiĉ JESENICE, FUZINE.

**Kanada:** Alexander N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. IŜLAŬZAS. paŝt. ag.

**Nederlanda:** J. Hogenkamp, Hoofd der School, 2e Exloërmond (W.). (Pagi al van Hage.

**Nederlanda Hindujo:** K. Gorter. Soekalilah. 14, CHERIBON.

**Pola:** Józef Migacz. Dlugosza 2. NOWY—SACZ. Poŝtkonto No. 406284.

**Sveda:** estraro de S.I.E.F.

**Svisa:** Vakanta.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. California.

kaj:

**Amerika Esp. Instituto.** 1111 Brooke Road. ROCKFORD. ILLINOIS.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

Ni urĝe petas novan agenton en Svisujo, kaj en Norvegujo.

---

En **SVEDUJO** oni sin anoncu al la sekretario de la T.A.G.E. sekcio (S.I.E.F.)

S-ro **Fritiof Ahnfeldt. Inglatorp, Torskors.**

---

Presita de Elektr. presejo T. K. KREMER, Sappemeer.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

17-a jaro (Numero 5) 1938.

**Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)**

Adreso por redaktado kaj administrado:
**T.A.G.E.-oficejo,** Schoolstraat 13. **Veendam.** (Nederlando.) P. Korte

**Prezidanto de TAGE: W. RUSSELL HAMILTON.** The Grammar School HEMSWORTH: Nr. Pontefract, Yorksh. (Anglujo).
**Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda** (Gron.) (Nederlando).
Kasisto: **A. VAN HAGE.** Zuidwending. **Veendam** (Nederlando). Poŝtkonto No. 9715.

**Korespondoficejo:** K. H. SPORTEL, Nieuw-Scheemda (Gr.) (Nederlando).



# Gravaj komunikoj.

1. Nia **redaktoro**, k-o Boltjes, pro multaj profesiaj laboroj ne plu povas redakti nian organon. Ĉi tie la laborkomitato tutkore dankas lin pro la grava laboro, kiun li faris dum 5 jaroj por la bono de nia instruista movado kaj pro la agrabla maniero laŭ kiu li ĉiam alportis al ni sian treege ŝatatan helpon! Feliĉe ni ne tute perdos la kontakton kun li: kiam li havos iom pli da libera tempo, li estas preta iamaniere subteni niajn klopodojn por progresigo de nia asocia laboro.

De nun funkcios kiel redaktoro, k-o D. LEHNEN. Tutkoran bonvenon en nia laborrondo!

2. Ni dividis inter ni la diversajn taskojn jene: W. RUSSELL HAMILTON (adreso supre) Prezidanto. Peranto inter T.A.G.E. kaj I.E.L. Li klopodas starigi kontakton inter T.A.G.E kaj la landaj asocioj de profesiaj geinstruistoj. Krome li klopodas estigi kunlaboron inter nia asocio kaj la instruistaj fakaj internacioj.

P. KORTE (adreso T.A.G.E.-oficejo) Vic-prezidanto. Li gvidas la kunvenojn de la laborkomitato, prizorgas la ĝeneralan propagandon kaj la redaktadon de la T.A.G.E.-biblioteko. Kun k-o. van Hage li faras la administradon por la organo.

K. SPORTEL (adreso supre) Sekretario. Li faras la asocian korespondadon, protokolas la kunvenojn kaj prizorgas la korespondoficejon.

A. VAN HAGE (adreso supre) kasisto kaj administranto por I.P.R.

D. LEHNEN (adreso T.A.G.E.-oficejo). redaktoro de I.P.R.

J. HOGENKAMP, 2e Exloërmond-West (Dr.), Nederland. Li prizorgas la bildkartservon kaj la T.A.G.E.-kursojn kaj -seminariojn.

W. H. MOOK.

E. J. BOLTJES, ĝeneralaj membroj.

Ni petas niajn anojn atenti ĉi tiun dividon de nia laboro.

3. La mendoj por nia **T.A.G.E-biblioteko** okazas kontentige. Sed ankoraŭ ne ĉiuj sendis la mendilon en la antaŭa numero, returne al nia oficejo. Bv. tuj fari tion, por ke ni povos daŭrigi nian eldonadon. La libro vere estas interesa por ĉiu instruisto. Montru vian aprobon pri nia plano, kaj ne plu prokrastu. Ni jam havas valoran manuskripton por dua libro, sed pripensas nur eldonon, se la unua libro sukcesos. Do, al vi la decidon.

Al la jam mendintoj ni komunikas, ke post kelkaj tagoj ni komencos la ekspedon.

4. Al niaj **nederlandaj anoj** ni petas estonte pagi nur al nia kasisto van Hage. Evidentiĝis, ke tio plifaciligas la administradon por nia lando.

Kaj al ĉiuj, kiuj ankoraŭ ne pagis por 1938, : bv. fari tion **senprokraste,** al via landa agento aŭ al ni rekte.

---

# RAPORTO de la Realiga Komitato

de la Varsovia Jubilea Universala Kongreso de Esperanto

**pri la agado**

de aŭgusto 1937 ĝis 30 junio 1938

**por la Lerneja Interŝtata Esperanto-Akordo**

prezentita al la 30-a Universala Kongreso de Esperanto en Londono.

Fino.

Ni uzis en la korespondado kun la registaroj, escepte kun la pola, nur francan lingvon, kiel tradicie diplomatan lingvon, sed la respondoj estis diverslingve redaktitaj: en franca, en angla, en germana, en rusa, en hispana kaj pro ĝentileco tri eĉ en pola. Sed unu respondo faris tiurilate speciale ĝojigan surprizon al ni: la Ministerio de Eksterlandaj Aferoj de Manĝu-Imperio je nia franca letero alsendis la respondon en Esperanto. Same respondis ankoraŭ je unu letero de la Komitato, sed pri alia temo, brazila Ministerio de Trafiko. Tiuj simptomaj faktoj pruvas: *unue* — ke franca lingvo ne restas nun ekskluzive lingvo diplomata, kion oni scias jam delonge per aliaj faktoj, *due* — ke la ŝtataj oficejoj per tiaj diverslingvaj respondoj subkonscie kvazaŭ apogas la penadon mem de esperantistoj por unu facila lingvo vere internacia, *trie* — ke Esperanto estas jam lingvo internacia praktike en certaj okazoj uzata de kelkaj ŝtatoj, se eĉ je franclingva alvoko de la Jubilea Kongreso pri la enkonduko de Esperanto en la lernejojn venas ĝuste unu respondo redaktita en tiu ĉi lingvo. Tio ĉi pruvas ankaŭ, ke nia iniciato respondas al la bezonoj kaj al la evolucio de la homaro kaj ne estas tro frua!

Laŭ nia ĝisnuna korespondado, laŭ la posedataj oficialaj respondoj, — ni scias, ke 36 registaroj ricevis la projekton de la Interŝtata Esperanta Akordo. Krom supre cititaj ŝtatoj ankoraŭ antaŭ la Kongreso la papa nuncio, la franca ambasadoro; la ministroj de Danlando, de Finnlando, de Haitio, de Hungarujo, de Kolombio, de Portugalujo, de

Rumanujo; la konsuloj de Kubo kaj de Paragvajo en Varsovio — informis nin, ke la projekto estis trasendita de ili al iliaj registaroj. En la dokumentaro ni posedas ankaŭ la ricevatestojn de la Generala Sekretario de la Ligo de Nacioj kaj Direktoro de la Internacia Oficejo de Laboro.

Entute la Kongresa Alvoko estis sendita al 52 diplomataj reprezentantoj kaj senpere al 8 ĉefministroj, 62 ministroj de eksterlandaj aferoj, 25 ministroj de Publika Klerigado aŭ similaj estroj de landa Publika Edukado en 86 landoj preskaŭ ĉiam per rekomenditaj leteroj. En kelkaj landoj (8) ambaŭ interesitaj ministerioj — de eksterlandaj aferoj kaj de publika edukado — devis ricevi nian alvokon aŭ samtempe aŭ en mallonga intervalo unu post la alia.

Nature, la demando pri la enkonduko de Esperanto en la lernejojn povas esti teknike komplika por certaj landoj, eĉ se ekzistas ĝusta kompreno kaj bona volo de la koncerna registaro. Por havi lokon por Esperanto en lernejoj oni devas preskaŭ ĉie ŝanĝi pli aŭ malpli programojn, oni devas trovi aŭ prepari la instruistojn, oni devas eble malgrandigi lecionojn de aliaj lingvoj kaj t.p., pro tio ni komprenas, ke la respondoj de belga kaj pola ministerioj de Publika Edukado — parolas pri nuntempa neebleco trovi lokon por la instruado de Esperanto kaŭze de tro ŝarĝita lerneja programo, sed la Kongresa Alvoko pri la subskribo de la Interŝtata Esperanto-Akordo ne postulas tujan enkondukon de Esperanto en lernejojn, ĝi parolas nur pri promeso samtempe enkonduki Esperanton se samon faros almenaŭ 6 aliaj ŝtatoj. Provizore do nur temas por ĉiu ŝtato doni tiun promeson, ni pensas, ke la landaj asocioj en iliaj detalaj memorandoj, kiel tion faris polaj samideanoj por sia ministro de Publika Edukado, kaj en sekvantaj buŝaj traktadoj klarigos al la koncernaj ministroj, la diferencon, kiu ekzistas inter la proponota akordo kaj la tuja enkonduko en lernejojn. Inter la donota promeso kaj la dato de la efektiva kompleta enkonduko de Esperanto en la lernejojn pasos certe almenaŭ kelkaj jaroj kaj intertempe oni povas ŝanĝi ĉiun programon kaj venki diversajn aliajn lokajn realajn obstaklojn. Nun la favoraj registaroj estas petataj nur doni la promeson. En la detalaj interparoloj kun la naciaj centroj esperantistaj — la koncerna ŝtata lerneja oficejo de ĉiu ŝtato povas detale prilabori la planon de laŭgrada realigado de la Akordo, kies efektivigo nature varios en ĉiu ŝtato laŭ la lokaj cirkonstancoj. Ni kredas ke la naciaj societoj ĉion faros kaj eĉ rivale konkuros inter si por frue kaj serioze prilabori tiujn planojn.

La Varsovia Kongresa Komitato nur komencis la laboron por IEAk, la rezultatoj estas modestaj sed ne malesperigaj, nun oni devas entrepreni energian agadon por IEAk en ĉiuj medioj favoraj al Esperanto. Memkompreneble, ke paralele kun la agado en oficialaj sferoj antaŭ ĉio ni devas konkeri por la ideo de IEAk ĉie la publikan opinion, ĉar finfine la publika opinio decidas pri la konduto de la

registaroj. Eĉ la plej kuraĝaj ministroj favoraj principe al Esperanto, eĉ la ministroj — esperantistoj, kiam ili direktas publikan edukadon, ne decidus enkonduki Esperanton en la lernejojn kontraŭ la publika opinio. Oni devas do favore influi ne nur la oficialajn kaj politikajn mediojn, sed ankaŭ la tutan publikan opinion por la ideo de la aliĝo de ĉiu lando al la Interŝtata Esperanto-Akordo. La Jarlibro de la Internacia Esperanto-Ligo por la jubilea jaro 1937 skribis pri la situacio en Nov-Zelando (paĝo 124): „La agado de la Nov-Zelanda Esperanto-Asocio plifaciliĝis dum 1936 per la ŝanĝo de la personaro de la Registaro en novembro 1935, kiam enoficiĝis Laborista Partio, kies programo entenas la jenan projekton: La universala lingvo — Esperanto — estu en la lecionaro de ŝtatlernejoj". „La ĉefa celo de la propagando de Nov-Zelanda Esperanto-Asocio estas la enkonduko de Esperanto en la lernejojn. Tiacele la Nov-Zelanda Esp. Asocio verkis kaj prezentis petskribon al la Ministro por Publika Edukado". Jes, tio ĉi estis post la Pariza Konferenco pri Esperanto en la Moderna Vivo kaj post la Varsovia Jubilea Kongreso — la ĉefa celo ne nur de nov-zelandaj samideanoj, sed de la tuta esperantistaro. Por sekurigi la venkon oni devas simile al niaj samideanoj en Nov-Zelando favorigi al la proponata traktato la decidajn politikajn faktorojn en ĉiu lando, antaŭ ĉio oni devas plenakiri al la Akordo ĉie la publikan opinion, poste la registaroj sekvos la opinion. La elektita de la Jubilea Universala Kongreso vojo de IEAk, kiel vojo de la kolektiva promeso pri samtempa enkonduko de Esperanto en lernejoj de pluraj ŝtatoj, ege faciligas nian taskon, ĉar ĝi malgrandigas la riskon de ĉiu ŝtato. Antaŭe ofte kiam ni parolis kun ministroj, parlamentanoj, oficistoj de koncernaj departamentoj, eĉ principe favoraj al Esperanto, pri la dezirinda deviga enkonduko de Esperanto en lernejojn: ni aŭdis jenan respondon: jes bone, sed, se ni enkondukos Esperanton, vi ne povas garantii, ke aliaj nacioj faros la samon, eble ni restos izolitaj, kiel la insulo Samos kun ĝia simila iniciativo antaŭ la milito, kaj la instruado estante sen praktikaj rezultatoj por la lernantoj fiaskos. Nun, ĝuste la proponata Interŝata Akordo nuligas tiun riskon, ke unu kuraĝa ŝtato, kiu decidus instrui devige Esperanton en siaj lernejoj restus izolita kaj la lernantoj studantaj nian lingvon ne trovus poste en aliaj ŝtatoj sufiĉe larĝan sferon de samaĝuloj, kun kiuj ili povus interkompreniĝi en Esperanto.

Nia Komitato ne havis necesajn ilojn kaj rimedojn por kontroli, ĉu ĉiuj ŝtataj adresatoj ricevis niajn leterojn. Elsendante en januaro nian cirkuleran leteron N. 1458 al la naciaj asocioj, ni celis interalie ankaŭ ke la landaj asocioj kontrolu, ĉu la koncernaj registaraj oficejoj ricevis la alvokon de la Jubilea Kongreso. Ne en ĉiuj landoj, al kiuj estis adresitaj niaj leteroj kun la Kongresa Alvoko, ekzistas naciaj federacioj, eble eĉ en kelkaj, ekzotikaj landoj, esperantista movado estas reprezentata nur per izolitaj personoj kaj pro tiea loka malforteco

de nia movado Esperanto ne estas ankoraŭ bone konata. Sed ĝuste pro tio ni pensis, ke estas dezirinde sendi la alvokon al ĉiuj registaroj ne nur pro senpera celo — aliĝo de la koncerna ŝtato al la proponata Akordo — sed ankaŭ pro ĝenerala propaganda celo, por ke la oficialaj medioj tiuokaze ĉie estu informitaj pri nia movado.

Ni konscias bone, ke la atmosfero de la internacia vivo ne favoras troe nuntempe nian iniciativon, ke la epoko de la lokaj militoj en du kontinentoj, ke la ekonomia postkriza periodo de diversaj limigoj, aŭtarkioj, devizaj kaj aliaj obstakloj de la internacia vivo ne helpas la disvastigadon de Esperanto nek la rapidan komprenon de la neceseco de la Interŝtata Akordo pri samtempa enkonduko de Esperanto en lernejoj de pluraj ŝtatoj. Sed ĝuste pro tio, ke la tempo ne favoras nun similan iniciativon, oni devas ĝin des pli fervore ĉie propagandi, des pli profunde studi tiun demandon, des pli kompetente kaj ĉiuflanke prepari ĝin — por povi poste, en pli favoraj cirkonstancoj, pli rapide ĝin efektivigi kaj pli grandskale, ol tion ĉi antaŭvidas nun la teksto de la Akordo, alivorte por povi samtempe enkonduki Esperanton en lernejojn ne nur en minimumo de 6 ŝtatoj, kiel diras la teksto, sed en nombro egę pli supera.

Nun ni devas konvinki la publikan opinion, ke la rapida disvastigado de Esperanto ne dependas nur de la apartaj personoj, kiuj ĝin individue studis kaj praktike uzas, sed ankaŭ grandparte de la bonvolo de tiuj ŝtatoj, kiuj per sia komuna kaj samtempa decido povas en granda grado plirapidigi la triumfon de Esperanto, do plifaciligi grandskale la internaciajn rilatojn por ĉiuj, plifaciligi la lernejajn lingvajn studojn por la novaj generacioj de la junularo kaj plifaciligi tiamaniere la estontan multforman kunlaboron de la diversaj nacioj. La ŝtatoj povas larĝe kaj tre efike kontribui al la definitiva solvo de la problemon de lingvo internacia nun nur per ilia simpla promeso, pri kiu parolas la Akordo, kaj tiamaniere multe plimallongigi la vojon al la fina triumfo de Esperanto, kiu malgraŭ ĉiuj individuaj penadoj de ĝiaj pioniroj kaj de ĉiam pli nombraj adeptoj povas ankoraŭ longe daŭri, se oni lasos la aferon nur al ĝiaj propraj ekspansivaj fortoj. Ĉiu senpartia observanto jam de longe devas konstati, ke nur Esperanto, kiel lingvo internacia, disvastiĝas kaj ke ĉiam alproksimiĝas la tempo, kiam ĝi estos, se ne tuj sola lingvo de ĉiuj internaciaj rilatoj, kiuj havas nek tempon nek monon por longe studi kelkajn fremdajn lingvojn. La decidoj de la registaroj povas nur en granda grado proksimigi tiun momenton kaj ĉiuj, kiuj jam konas nian lingvon, pro sia simpla egoista intereso, por larĝe profiti de tiu kono, devas fervore apogi la iniciaton pri IEAk. Certe, finfine Esperanto triumfos eĉ sen ia ajn decido de la registaroj, sen la proponata lerneja traktato aŭ sen aliaj similaj internaciaj interkonsentoj, Esperanto venkos fine nur pro la internaj kvalitoj, sed la Lerneja Akordo povas multe plifruigi la finan triumfon de la lingvo de Zamenhof.

Por akceli la realigon de la Akordo oni devas havi unu internacian centron. Kiam la teksto de la Akordo estis redaktita, tia centro ekzistis en nia movado, tio estis Internacia Centra Komitata en Ĝenevo. Dum la Varsovia Kongreso, kiam la solena momento mem de la Ora Jubileo de Esperanto postulis formuligon de la klara kaj simpla alvoko al la registaroj pri la instruado de Esperanto, ekzistis nur unu kvazaŭ ĝenerala organizaĵo por ĉiuj niaj samideanoj, nome la Jubilea Universala Kongreso, pro tio sendepende de la internaj kvereloj kaj disputoj inter la esperantistaj organizaĵoj, la demando pri la Lerneja Akordo estis starigita je la tagordo de la Jubilea, akceptita unuvoĉe de ĝi kaj poste ankaŭ pro la samaj motivoj konfidita al la Realiga Komitato de tiu ĉi Kongreso, nature, nur provizore, por unu jaro, ĉar la kongresaj organizaĵoj estas efemeraj kaj ne daŭras pli ol 2 jarojn. Ne povante ŝanĝi la tekston de la Akordo, formulitan antaŭ dek jaroj, al kiu jam aliĝis principe 3 registaroj kaj kiu depost 1927 estas jam konata de 17 registaroj, ni estis devigitaj konservi integre la tekston de 1927 nenion modifiante kaj tiu ĉi teksto antaŭvidas, ke la ŝtatoj subskribontaj la traktaton „sin devigas informi la Internacian Komitaton en Ĝenevo" pri siaj decidoj rilate la realigon de la subskribita Akordo. Antaŭ la Jubilea Kongreso kaj ĝis ĝia fermo ni esperis, ke la organiza unueco restariĝos baldaŭ inter ni kaj pro tio ni ne tuŝis tiun punkton. Post la Varsovia Kongreso provizore la Realiga Komitato funkciis kiel centro por IEAk, sed nun nia movado devas prizorgi pli firman organizon.

Por la ekstera mondo (la registaroj, la publika opinio, la gazetaro k.t.p.) pro cititaj motivoj Ĝenevo devas resti kiel sekretaria centro, ĉar ne estis kaj ne estas dezirinde, reiniciatante la Interŝtatan Akordon pri Esperanto en Lernejoj, informi samtempe la registarojn pri niaj internaj, ne esencaj, organizaj kvereloj kaj ŝanĝoj, kiujn niaj principaj kontraŭuloj povas trograndigi por malkreditigi nian ideon. La oficejo de U.E.A. en Ĝenevo bonvolis dum la pasinta jaro funkcii jam en certaj okazoj, malfacilaj por Varsovia Komitato, kiel ekspedejo, ni pensas, ke ĝi konsentus eĉ kontinui la saman servon en estonteco. Ni povas esperi, ke ankaŭ I.E.L., kiel centro kaj federacio de la landaj asocioj, afable prizorgos la antaŭenmarŝon de la Akordo kaj servos kiel motoro por naciaj asocioj, sed tio ne sufiĉus. Laŭ nia opinio, la kunlaboro inter tiuj du internaciaj organizaĵoj de nia neŭtrala movado sur la kampo de la Interŝtata Esperanto-Akordo estas absolute necesa tiel same, kiel ĝi estas necesa en la organizado de la Universalaj Kongresoj, pro tio ni proponas ekzameni la demandon, ĉu estas eble starigi ligilon inter ĉi tiuj du organizaĵoj en formo de la Konstante Delegitaro por la aferoj de la Interŝtata Esperanto-Akordo, kiu funkcius kiel Komitato kaj Oficejo en Ĝenevo. La nombro da membroj de du kunlaborantaj organizaĵoj en la Delegitaro estus proporcia al nombro da membroj de du organizaĵoj, la elspezojn kovrus du orga-

nizaĵoj ankaŭ proporcie al la nombro da siaj membroj. Eble tiu ligilo inter du organizaĵoj povus servi ankaŭ kiel unuiga organo eĉ por aliaj celoj de nia movado. Sed ĝia ĉefa tasko estus koncentrigi ĉiujn informojn pri la progreso de la lerneja demando kaj periode, ĝustatempe, ilin komuniki al la koncernaj lokaj kaj fakaj organizaĵoj. Se la landaj asocioj estas speciale vokitaj por agi ĉe la apartaj registaroj, U.E.A. estas fakte kvazaŭ akreditita agentejo de nia movado ĉe la Ligo de Nacioj. Ilia kunlaboro estas do tre dezirinda por nia movado. Pro tio ĉi ni kuraĝas fari la supran sugeston al la Kongreso kaj al la interesitaj Centraj Organizaĵoj.

Varsovio, la 30-an de junio 1938.

---

# Asketismo kaj Eduko.

Prelego farita de Profesoro T. C. Flugel, B. A., D.Sc.
Universitata Kolegio, Londono
en T.A.G.E. Kunveno, la 4an de aŭgusto, 1938.

Asketismo, la intenca submetiĝo al „severa memabnegacia disciplino" (laŭ vortara difino de la termino) estas kredeble apartaĵo de la homa speco. Ŝajnas (almenaŭ unuavide) strange kontraŭi la opinion esprimitan de multaj filozofoj, ke la homo dum sia tuta vivo celas obteni plezuron kaj eviti doloron, tiom strange efektive, ke mi proponas ke ni starigu provizoran klasifikon de la ĉefaj specoj de asketismo laŭ la motivoj, kiuj ŝajne instigas ilin.

*1. Utilisma Asketismo.*

Estas ĝenerala regulo de la disvolviĝo, ke ĉiu intelekta, morala, kaj kultura antaŭeniĝo signifas kapablon prokrasti tujan kontentiĝon por atingi pli grandan finan gajnon. La Civilizo mem postulas, do, iagradan disciplinon aŭ oferemecon, kiu, laŭ pure hedonisma vidpunkto, estas rigardebla kiel „asketismo". Asketismo de ĉi tiu speco estas kompreneble je la komenco nur ilo por celo. Tamen, komplikaĵo okazas pro la fakto, ke — sekve de tio, kion nomus McDougall „sentformado" — kio estis unue ilo, emas post iom da tempo konsideriĝi kiel celo, t.e. (laŭ la terminaro de la Etiko), ke „iliaj" valoroj emas taksiĝi kiel „esencaj" valoroj. Tiel, ĉar suferkapablo, kuraĝo, kaj sinoferemeco estas ofte nepraj por atingi iun malpli proksiman celon, ni emas opinii, ke ĉi tiuj ecoj estas virtoj en si mem, kaj memstare ekzercindaj. Laŭ ĉi tiu maniero tio, kion oni povus nomi „esenca" asketismo, emas disvolviĝi el „ila" aŭ pure „utilisma" asketismo, proksimume sammaniere, kiel mono, ĉar ĝi estas tiom nepra kiel ilo, emas esti konsiderata kiel io, kio estas en si mem valoro.

2. *Epikura Asketismo* estas eble pure psikologia ampleksiĝo de No. 1. Ĝi dependas de tio, kion mi aliloke [1]) nomis la Principo de la „pliigo de kontentiĝo per malhelpado". Tute frue en la vivo ni lernas, ke (krom ekstera neceso) la plezuro estas pligrandigebla per prokrasto aŭ per la venko de malfacilaĵoj, dum tiuj kontentiĝoj, kiuj estas atingeblaj per malmulta aŭ neniu peno, estas kompare senvaloraj. Ni, do, volonte, kaj pro pure hedonismaj kialoj, iam pligrandigas la strečojn de niaj bezonoj. Manĝo kaj trinko estas plej agrablaj kiam oni suferas pro ia grado da malsato aŭ soifo, malvarmiga salto en akvon estas plej ĝuata kiam oni estas malkomforte varma, kaj pli malsimplaj ekzemploj de la sama principo estas facile troveblaj. Tial iuj viroj apenaŭ kapablas ami virinon, se ne ekzistas ia obstaklo aŭ malpermeso venkota; laŭ la vortoj de Aldous Huxley, „necesas krinolinoj por inciti la imagpovon, kaj dragonecaj duenjoj por flamigi deziron ĝis pasioniĝo." Troigate, tamen, ĉi tiu Epikura asketismo ofte miksiĝas kun:

3. *Masoĥisma Asketismo.*

Ĉi tie plezuro intime kunfandiĝas kun doloro, ia volupteco deriviĝas de la fakto mem de sufero. La finaj problemoj de Masoĥismo ne ankoraŭ trovis kontentigan solvon tamen, nia nuna scio ebligas diri almenaŭ ĉi tiom: 1) ke ia grado de Masoĥismo estas normale eco de la civilizita homo, 2) ke ĝi ludas rolon en tio, kion ni kutime nomas la „ina" sinteno, 3) ke ĝi same ludas rolon en tiu ofero de niaj instinktaj emoj, kiun necesigas la akiro de moraleco, kaj 4) fine ke Sadismo, aŭ plezuro pro Krueleco, estas ofte prijuĝebla kiel Masoĥismo, kiu turniĝas kontraŭ eksteran objekton anstataŭ kontraŭ la memon. Estas niatage apenaŭ neigeble, ke Masoĥismo estas grava faktoro en multaj kazoj de asketismo.

4. *Punema Asketismo.*

La insisto pri puno kiel elpago por peko estas de longa tempo konstatita kiel karakteriza eco de la homa socio. La modernaj antropologio kaj psikologio jam montris, kiom strange fortaj kaj oftaj estas la sentoj de kulpo kaj peko, kiuj suprenvenas en la homan menson, kaj kiom disvasta estas la emo moderigi ĉi tiujn sentojn pere de mempuno aŭ memabnegacio. La primitiva homo faras oferojn, aŭ ekzercas sindetenon antaŭ preskaŭ ĉiu grava entrepreno, kaj sindeteno estas taksebla kiel formo de ofero, en kiu la cedo de ĝuebla ago aŭ la tolero de malkomforto anstataŭas la cedon de utilaj objektoj. La civilizuloj, siaflanke duone timas uzi la dolorliberigajn eltrovaĵojn, kiel anestezilojn, kiuj dum siaj fruaj tagoj trafiĝis de grava kontraŭstaro pro *moralaj* kialoj, kaj hodiaŭ restas ankoraŭ multaj personoj, kiuj apenaŭ *kuraĝas* primediti la forigon de tiaj skurĝoj,

[1]) „Men and their Motives" paĝo 149.

kiaj milito, malriĉeco, kaj veneraj malsanoj. Penoj en la direkto de tia grandskala malpliigo de homa sufero ŝajnas havi tiun timindan econ kiun la Grekoj nomis „hŭbris" (fiereco bazita sur la fido je nia propra forto) kaj oni malklare sentas, ke ia timinda supernatura povo certe punos tian arogantecon. Aliflanke, ni esperas, ke sufero pacigos ĉi tiun povon, same kiel esperis Polycrates antikvatempe forigi per ofero de sia ringo la malbonaĵon, kiu devas certe sekvi lian senprecedentan serion de bonŝancaĵoj. La konscienco ja vere faras el ni ĉiuj malkuraĝulojn, kaj, estante malkuraĝuloj, ni tro timas uzi multajn el la feliĉigiloj, kiuj kuŝas de ni atingeblaj. Alivorte, ni punas nin per deteno, kiu estas asketismo.

5. *Atakema Asketismo.*

Laŭ iuj el la plej lastatempaj psikanalizaj eltrovaĵoj, ĉi tiu „bezono de puno", kiel oni ĝin nomis, kiun tiom emas senti la homa menso pro sia kulpeco, ofte fortiĝas per alia faktoro, t.e. la returniĝo kontraŭ la memon de kolero kaj atakemo, kiujn kaŭzis aliaj personoj, sed kiuj ne povas sufiĉe esprimiĝi kontraŭ ilin. Tia „internigita" atakemo kunligiĝas kun la „moralaj" emoj, pro kiuj ni sentas nin kulpaj, kaj aldonas al la severeco de la postulata „puno". Memmortigo estas ofte ekstrema ekzemplo de tiu ĉi. Ni mortigas nin mem pensante ke nun kredeble niaj ĉikanuloj sentos sin kulpaj kaj bedaŭras ke ili ne pli bone agis kontraŭ nin. Tamen la ĉefa puno celas nin mem. Tiamaniere, punante nin, ni punas niajn malamikojn (t.e. tiuj, kiuj malsukcesigis nin), kvankam laŭ anstataŭa kaj nefacile rekonebla maniero. Ekzistas, do, ofte atakema aŭ malamika elemento en asketismo de kiu ni mem estas viktimoj, kvankam en la volo de anstataŭantoj.

Se ni povas akcepti ĉi tiun mallongan kaj nesufiĉan priskribon de la faktoroj, produktemaj de asketa konduto, estas, mi kredas, klare, ke eduko, per sia propra naturo, kredeble elstarigos iujn au ĉiujn el ĉi tiuj faktoroj.

Unualoke, eduko estas grandparte proceso dum kiu ni faras klopodojn por ricevi postajn profitojn. Ĉu plaĉas al ni, ĉu ne, eduko necesigas la proceson de akirado de inhibaĵoj, kaj, ĉi tie same kiel aliloke, ni emas honori la virtojn de inhibo — laboro, sufertoleremeco, sinregado, oferemeco — kiel esencajn valorojn, kaj ni ofte forgesas demandi ĉu la celoj, al kiuj ili utilas, vere pravigas kaj postulas rimedojn tiom heroajn. En angla lingvo ni havas maksimon, „ŝparu vergon kaj malbonigu infanon". Tiuj kiuj sekvas la maksimon, kutime ne tro zorge esploras tion, kion signifas „malbonigi". Ili havas konvinkon, ke vergo estas bona afero en si mem.

Dualoke, la infano, pro sia naturo mem (t.e. siaj instinktoj), nepre pekas kontraŭ la reguloj kaj konvencioj de la plenkreska socio. Ni, do — sekve de tio, kio estis dirita sub rubriko de

Punema Asketismo supre — emas pensi ke, same kiel krimulo, li bezonas punon.

Trialoke, la rilato de instruisto kaj lernanto nepre vekas ĝis ia grado sintenon sadisma-masoĥisman. La eduka profesio jam do allogis multajn sadistojn kiuj, simile al aliaj kun sama emo, ebliĝis kontentigi siajn emojn sub mantelo de moraleco kaj disciplino.

Kvaraloke, kaj psikologio kaj antropologio rivelas la fakton, ke la pli maljuna generacio nur nevolonte kaj je prezo de sufero cedas siajn proprajn privilegiojn al la pli juna generacio. Ĉi tiu emo ofte ritualiĝis en la ceremonioj de adeptigo, kiuj troviĝas je preskaŭ ĉiuj kulturniveloj kaj en preskaŭ ĉiuj mondpartoj. Eduko estas plena je ceremonioj de adeptigo, ek de la trempado en akvon kaj ĵetado per litkovrilo ĝis ekzamenoj.

En nia moderna eduko multaj el la pli primitivaj formoj de sufero tiel infliktitaj konfidiĝas per la instruistaro al la pli aĝaj lernantoj. Ĉi-rilate Langdon Davies diras tute vere ke „estas du partoj de eduko — la civilizita, aŭ almenaŭ la konvencia, regata de la instruistaro, kaj la barbara, regata de la lernantoj mem . . . La torturo eĉ ne menciiĝas en la prospekto de iu lernejo, sed subkonscie la plejmulto de plenaĝuloj kredas, ke ĝi valoras, kaj ili aranĝas por ĝia plenumo en sekreto. Tiamaniere ili evitas respondecon, sen devi forlasi la metodojn, al kiuj illi fidas". (1)

Fine, kaj kvinaloke, nia okcidenta eduko estas monaĥa kaj asketa laŭ tradicio. Ĝi disvolviĝis de tiuj, kiuj kredis, ke estas bone subigi la karnon kaj kultivi humilan spiriton por ĝui pli grandajn benaĵojn en alia vivo ĉi-poste.

Pro ĉi-tiuj kialoj, kaj eble pro aliaj ankaŭ, eduko laŭ tradiciaj metodoj emas esti proceso, kiun oni intence igas pli malagrabla ol ĝi estas laŭ neceso. Multaj lernantoj kunsentos kun John Cowper Powys kiam, parolante pri siaj lernejtagoj, li diras: „Ni kutimis rakonti inter ni historiojn pri la estonteco, kiam ni jam ne estos ĉe la lernejo, sed estos plenkreskuloj, kaj ekstere en facila, amika, pli mola, dolĉa mondo. Ni elkomprenis, mi kredas, sufiĉe klare, *mi* almenaŭ komprenis, ke ni suferis streĉojn tiam, *efektive tiam*, multe pli krizajn ol iu, krom sur efektiva batalkampo, eble renkontota de ni en la estonteco." (2) Iuj eĉ konsentos kun Osbert Sitwell, kiu faras eĉ pli gravan plendon, dirante, ke „Post eduko en Anglaj privata lernejo kaj liceo la restaĵo de la vivo, kiom ajn malfacila, ŝajnas esti libertempo, kaj eĉ la milito venis al multaj knaboj adiaŭantaj la lernejojn kiel liberiĝo pli ol kiel katastrofo". (3)

La „Nova Eduko" — simile al tio, kio iam nomiĝas la „Nova

(1) „The Younger Generation".
(2) Noto: „Autobiography".
(3) Noto: „After the bombardment".

Moralo — estas esence ribelo kontraŭ la evangelio de asketismo, de sufero pro la valoro de la sufero mem.

Ĝiaj originoj estas kredeble troveblaj en la ĝenerala movado en la direkto de la Raciismo, kiu akcentigis la valorojn de ĉi-tiu vivo kompare al la devoj de submetiĝo al religia dogmo kaj la esperoj en la estonteco. Sekvante laŭ la vojo jam indikita de pli fruaj pioniroj, Herbert Spencer petas ke oni fidu al la puno, kiun la Naturo men infliktas al tiuj, kiuj malobeas ĝin, prefere ol al la pli artefaritaj sankcioj ĝenerale laŭmodaj. Mallonge, li postulas Edukon laŭ Realeco prefere ol laŭ aŭtoritataj moraloj : kaj iom post iom oni elkomprenis, ke eduko bazita sur pure tradicia etiko kaj arbitraj tabuoj taŭgis nek por veki povojn de kritika pensado, nek por prepari por vivo en demokratio, en kiu ĉiu individuo devas havi propran porcion de iniciativo kaj respondeco.

Dum pli lastatempaj jaroj ĉi tiu emo plifortiĝis pro la eltrovaĵoj de la moderna psikologio — precipe pro tiuj de la psikanalizo. Unue venis la doktrino pri estiĝo de neŭrozo pro konflikto kaj subpremado, kaj la doktrino de sublimado per laŭgrada rafinado de instinktaj puŝiloj — ambaŭ kondukantaj al pli granda tolero de la pli primitivaj aspektoj de infana sinteno, kaj al pli granda malvolo uzi krudajn tabuojn kaj punojn en la eduka proceso. Eĉ pli lastatempe (plimalpli dum la lastaj dek jaroj) venis la pluaj riveloj pri la naturo de la morala faktoro en la homa menso — la „Super-mi" laŭ terminaro de Freŭd — kaj elkompreno de la fakto, ke malfacilaĵoj en disvolviĝo kaj alĝustiĝo povas, eĉ en tute junaj infanoj, kaŭzi ne nur mankon de morala regado, sed ankaŭ la ekziston de tro severa aŭ de tro kruda regado en la menso de la individuo mem ; la psikanalizistoj efektive faris la sufiĉe paradoksan eltrovon, ke tiu troa regado iam eliras, en formo de konduto klare kontraŭsocia, konduto kiu samtempe malhelpas la kapablojn de la individuo por propra sukceso kaj ĝuo.

Ĉi ĉio jam kondukis al granda malpliiĝo de la graveco, kion oni atribuas al la asketa flanko de la eduko, kaj al multe pli granda emfazo pri la veko de la propraj intereso kaj iniciatpovo de la infano. Iuj asketaj elementoj, tamen, restas troveblaj en la granda plimulto de lernejoj. Ne parolante pri ekzamenoj, kiujn grandparte trudas al la lernejoj la supraj aŭtoritatoj, oni konstatas, ke restaĵoj de la pli malnova asketa moralo restas ankoraŭ videblaj, ekzemple, en la plimulto de gastlernejoj sub la formo de malmolaj kaj malkomfortaj litoj, nesufiĉe varmigitaj ĉambroj, kaj nebongustaj manĝaĵoj ; kiel baldaŭ elkomprenas plenkreskuloj, kiuj vizitas ĉi tiujn lernejojn por kongresoj kaj por aliaj kialoj. Tia vizitanto lastatempe menciis la manĝaĵojn provizitajn, kiel ekzemplo de „la plej malluma kuirarta Anglujo" — kaj ĉi tio estis en lernejo posedanta parkon, ludkampojn, kaj naĝejon de grandaj beleco kaj allogeco.

Eble oni povas aserti, ke la fundamento de la Nova Eduko, tiel priskribita, estas nura deduktaĵo de filozofaj starpunktoj aŭ psikologiaj eltrovaĵoj, kaj skeptikuloj prave postulus, ke post sufiĉa provo la supozaj profitoj de pli granda libereco kaj malpliigita sufero sin pravigu *a posteriori* per rezultoj. Bedaŭrinde, rezultoj laŭ statistika skalo estas pro diversaj kialoj malfacile haveblaj, kaj mi konas neniajn, kiuj estas kontentigaj pri la lerneja vivo mem. Se, tamen, ni enkalkulas la hejmajn ĉirkaŭaĵojn en la sfero de la eduko, interesan indikilon provizas la lastatempe eldonita esplorado pri „Efikoj de Malsevera kompare al Severa Hejma Edukado" de Goodwin Watson. El 230 studentoj de Pedagogio li prenis kiel grupon reprezentan de la „severa" hejma eduko la 25% kiu dum juneco plej plene submetiĝis al la jenaj influoj: puno, severaj gepatroj, pli altaj idealoj en hejma ol en ĝenerala ĉirkaŭaĵo, gepatraj provoj plani iliajn vivojn, kontrolitaj ludoj, protektado de kono pri malbono; ne povis paroli kun gepatroj pri adoleskaj amrendevuoj; devis ĉeesti preĝejon vole-nevole; regulaj horoj de enlitiĝo je la deka ĝis dudeka jaro. La „malsevera"-eduka grupo konsistis el la 25%, kiu malpli multe spertis ĉi-tiajn influojn. La „severa" grupo estis iom supera pro tio, ke 69% el ili, kompare kun 55% el la „malsevera" grupo, viciĝis inter la unuaj du aŭ tri el klaslokoj, sed laŭ dudek kvin aliaj karakterizaĵoj la „malsevera" grupo montriĝis, kaj psikologie kaj socie, pli bone alĝustiĝinta (t.e. ĝiaj membroj malpli ofte agaciĝis aŭ hontis pri siaj gepatroj, malpli suferis pro ĉagreno, malfeliĉo, aŭ pensoj pri memmortigo, spertis malpli ofte kverelojn, malbonvolojn, aŭ suspektojn, malpli multajn rompitajn fianĉiĝojn. La rezultoj estis, tamen, malsimpligitaj pro la fakto, ke la „severa" grupo suferis multe pli pro diversaj, unuavide senrilataj, malhelpaĵoj, t.e. fizika malsupereco (kvankam ne definita malsano), malfeliĉa edziĝo de gepatroj, sociaj kaj ekonomiaj malavantaĝoj, kaj „malnovmoda religio". Pro ĉi tio, ĉio direbla kun perfekta certeco estas, ke en la observata grupo, tiuj, kiuj ricevis malseveran hejman edukon profitis per iuj avantaĝoj en posta vivo, kvankam ĉi tiuj avantaĝoj okaziĝis eble ne nur pro la malsevera eduko, sed pro iuj aliaj faktoroj, kiuj havis rilatojn al la „malsevera" atmosfero de la hejmo. Ĉi tiun ĝeneralan konkludon pri supereco de malsevera eduko konfirmis lastatempa psikologo pri anglaj studentoj.

Kompreneble, oni demandos, ĉu estas eble permesi tro da libereco kaj malsevereco? Kioman gradon da regado kaj disciplino oni devas ankoraŭ ekzerci? Laŭ la nuna stato de scio, ĉi tiu estas demando malfacile respondebla. Oni ĉiam konsentis, ke agado danĝera al vivo kaj korpo nepre devas regiĝi (tamen, eĉ ĉi-tiurilate iuj el la novaj edukistoj estas mirinde kuraĝaj: mi konis instruiston, kiu, ekzameninta ŝargitan revolveron en posedo de unu el siaj lernantoj, redonis ĝin al li, rimarkigante kvazaŭ senzorge, kiom li estas bonŝanca posedi tiom bonegan „pafilon").

Sed ĉu en aliaj aferoj la instruisto devas agi kiel eble plej netrudeme aŭ ĉu estas preferinde ke li de tempo al tempo agu kiel aŭtoritatulo?

Kiel ekzemplon de indikiloj en tiu malfacila demando, ni prenu eble la laboron de Susan Isaacs ĉe la Malting House School (1). Ŝi trovis, ke, se la plenkreskulo restas tute pasiva kaj malkuna en ĉeesto de klare kontraŭ-socia konduto de infano, unu el du nedezirindaj rezultoj okazos. Unuflanke, la instruistino povas esti konsiderata kiel konivanta aŭ aprobanta la „malbonecon", kaj la infano „projekcius" siajn proprajn malbonajn impulsojn sur sin, kaj tiam „punus" sin per plua kontraŭ-socia konduto anstataŭ puni sin, tute same, kiel dum malpli juna aĝo ni eble projekcias niajn proprajn atakemajn dezirojn sur aliajn, ekzemple, krimulojn kaj politikajn malamikojn, kaj tiam infliktas anstataŭan punon, sentante nin justegaj tion farante. Aliflanke, se tia projekcio ne okazas, la instruistina ellaso de admono aŭ puno povas pliigi la streĉon de kulpsento en la infano, kaj tio siavice kondukos al nedezirindaj sekvoj, inkluzive la paradoksan faron de „krimoj pro kulpo", t.e. kontraŭ-socia konduto intence puninda.

Kontraŭe, se la instruistino agas tiumaniere, ke ŝi efikigos „realan" moralon (aparte de nura morala indigno aŭ insisto pri tabuo), la infano povas kun profito „projekcii" sian „super-min" sur ŝin, kaj la interna streĉo malrapide emas iĝi mem pli racia kaj realisma. Estas eble laŭ ĉi tiu senco, ke ni povas pravigi la frazon „ordigita libereco", kiu lastatempe populariĝis inter iaj edukistoj; kvankam ni devas zorgi, ke ni ne uzas ĝin sole kiel kovrilon por niaj propraj neanalizitaj reakciaj emoj.

Oni rimarkos, ke ĉi tiuj konkludoj bazitaj sur la plej zorgaj modernaj observaj metodoj en la eduko de junaj infanoj konfirmas la eltrovaĵojn de psikanalizistoj pri la forto de la „super-mi" eĉ ĉe frua aĝo, tiel donante bonvenan subtenon al la ĝenerala sinteno adoptita de la „Nova Eduko". Ŝajnas ke la morala faktoro ne bezonas tiom plifortigon aŭ ekzercadon per asketaĵoj, kiom liberigon de siaj pli primitivaj kaj atakemaj kvalitoj; ĝenerale, raciigon ĝi bezonas, kaj harmoniigon kun la postuloj de realeco, pli ol la teruraĵojn kaj arbitrajn limigojn de tabuo.

Tamen, pro nepraj malsukcesoj en la malfacila proceso de disvolviĝo, nesocia konduto kompreneble renkontiĝos, kaj ĉi tio eble necesigos agon — precipe ĉe malpli junaj infanoj — je iom pli surfaca nivelo. Eĉ ĉi tie, tamen, malĝentila traktado kutime rezultigas pli da malbono ol bono, ĉar ĝi naskas ofendiĝon, kaj povas emi starigi psikologian cirklan malbonserion, en kiu krimoj konstante kompensiĝas aŭ ekvilibriĝas per puno. Estas eble pli bone en

(1) Noto: „Social Development in Young Children".

multaj kazoj, ke la vera naturo de la malbono, kiun suferas la komunumo kiel tuto, elkompreniĝu al la kulpulo, tiamaniere ke li plie kaj plie identigu sin men kun tiuj, kiuj suferas pro lia kulpo. En iuj lernejoj diversaj aplikaĵoj de la principo de kolektiva puno proviĝas por ĉi tiu celo (ekzemple, nutriĝo per pano kaj akvo dum unu tago kiam okazas ŝteloj). Kvankam tiaj eksperimentoj iufoje ŝajnas sukcesi, ilia nenatura karaktero en multaj kazoj apenaŭ ebligas ke ni rigardu ilin kiel pli ol ‚pis aller'. Ĉi tie, same kiel aliloke, tamen, eksperimentado kia tia, estas bonvena.

Fine, oni povas diri, ke asketismo en la plej ampleksa senco rivelas sin kiel ĝis ia grado determinita per la kondiĉoj mem de la homa vivo, dum ĝis plua grado ĝi respondas al iuj tre profunde enradikigitaj, sed primitivaj, emoj de la homa menso. Ĉar ĝi estas tia, oni ne povas tute elradikigi ĝin el la eduko, kvankam ĝia valoro multege trotaksiĝis en la estinteco. Asketismo estas ĝis ia grado nepra, sed, pro lumo de la nuna scio, ni certe ne pravas rigardante ĝin memstare kiel virton.

---

# Oficejo „Esperanto ĉe la instruado".

C. Krusemanstr. 43III, Amsterdam Z.

Ni ĝoje povas konstati ke la oficejo laboras kontentige, kaj ke ĝia influo kreskas. Ĝi instigas starigi ĉie en la lando komitatojn por aranĝi infankursojn, ekster la kutima lerneja programo. En diversaj urboj kaj vilaĝoj nuntempe multaj lernejanoj studas entuziasme nian lingvon.

Tio estas nur la unua paŝo. Per ĉi tiuj kursoj ni volas influi la lernejajn aŭtoritatulojn kaj montri la kreskantan intereson de la junularo por Esperanto.

Bona helpo ĉi tiuj kursoj krome estas por nia agado ĉe la ministro por enkonduko de Esp. kiel nedeviga lernfako. Tio estas la dua ŝtupo, kiun ni volas atingi.

Kaj nun, kiam ni skribas ĉi tiujn liniojn, ni, nederlandaj esperantistoj, staras antaŭ grava okazontaĵo.

En la monatoj Novembro aŭ Decembro nia regna deligitaro (dua ĉambro de la parlamento) pritraktos novan leĝon pri la organizo de la eduko de geinstruistoj kaj la buĝeton de la instrua ministro. Nia Amsterdama oficejo decidis aranĝi antaŭ ĉi tiu pritraktado

**Nacian Kongreson por Esperanto en la Lernejoj,**

kiu okazos en **Hago**, la 5an de Novembro, je la 15a horo, en granda salono.

Jam antaŭ kelkaj monatoj deputitaro de nia oficejo priparolis niajn dezirojn kun la direktoro ĝenerala por la instruo. La skriba pritraktado de la supre nomita leĝo jam okazis, la ministra starpunkto ne estis favora al nia afero. Sed la buŝa ankoraŭ okazos kaj ni deziras influi la finan decidon. La situacio ne estas senesperiga: sufiĉe grava parto de la deputitaro certe subtenos nin. Estos nia tasko, ŝanĝi tiun parton en plimulton.

Nia oficejo, kiu reprezentas proks. 89000 personojn, invitos al la kongreso: la Ministron, la direktoron ĝeneralan, la regnan instruad-konsilantaron, la ŝtatajn inspektorojn, ĉiujn deputitojn, skabenojn de grandaj urboj, k.t.p.

Kvar eminentaj parolontoj estas petataj, enkonduki la temon laŭ propra gusto.

Kaj ni, nederlandaj esperantistoj, zorgos plenigi eĉ la plej grandan salonon.

En la sekvonta numero de I.P.R. ni raportos pri ĉi tiu grava kunveno.

N.B. En la lasta momento antaŭ la presado ni ankoraŭ povas komuniki, ke la kongreso estis plena sukceso. Proks. 1500 personoj plenigis la salonon!

# La internaciaj restadejoj

## Risskov kaj Ry, 1938, Danujo.

En Risskov okazis de la 28-7 — 31-7 kunveno de 40 personoj, ĉefe nederlandanoj kaj francoj. Ili i.a. vizitis la lokan modele konstruitan lernejon, kaj la urbon Aarhus. Banado, festvespero k.t.p. kompletigis la programon.

La popola altlernejo en Ry gastigis de la 31-7 — 10-8 152 personojn el 12 andoj. Multaj partoprenis kursojn de ges-roj Weide, de s-ro Jensen kaj de s-ro Grönborg.

Cetere okazis paroladoj, pri Aŭstrujo, pri Bellamy k.t.p. Gimnastikleciono, kantado, Esperanto-diservo, ekskursoj amuze kaj interese plenigis la liberan tempon.

Venontjare 1939 verŝajne okazos 5-taga restado por Esperantistoj en Risskov, kaj 10-taga en Ry, proks. je la sama tempo.

---

# La infanrenkontiĝo, arangita de la Federacio de Laboristaj Esperantistoj

## en la regiono de la nederlanda lingvo.

Dum tuta semajno proksimume 50 esperantistaj infanoj kunestis en kampado sur la belega tereno de la kampcentro Doorn-Austerlitz ĉe Maarn.

Bedaŭrinde, ke ne sukcesis la klopodoj partoprenigi infanojn el ekster Nederlando.

Tutan semajnon la infanoj estis inter si kunigitaj per Esperanto. Kiel impresis la unua konatiĝo ĉe la infanoj! Spite, ke ili ĉiuj venis el diversaj lokoj kaj ne konis unu al alian, harmonia intermiksiĝo tuj agrable surprizis ĉiujn. Nur kelkaj minutoj necesis por vera interamikiĝo, kiu regis seninterrompe ĝis la fino kaj kiu pliriĉigis la infanajn animojn per novaj altetaksataj sentoj de reciproka amikeco. Kiel elkore la infanoj akceptis kaj forte aŭdigis la kampdevizon: „La tuta mondo estas nia lando!"

Proksiman jaron okazos la 2a renkontiĝo. Laŭ nia espero pli grandskale. Por ebligi tion, ni petas jam nun turni vin (el kiel eble plej multaj landoj) al la sekretariino de la infankomitato: A. C. OBBES, Boezemlaan 24-B, Rotterdam (N).

---

# Ĉu vi scias ke. . . .

1. Estonio estas sola ŝtato en la mondo, kie rajtas plena kultura aŭtonomio por siaj nacimalplimultoj. Ĉi tiun profitas jam la juda kaj germana kaj ekprofitos rusa nacimalplimultoj.

2. La procento de la personoj, scipovantaj legi kaj skribi estas en Estonio 98.

3. Estona literaturo festis en la jaro 1935 sian 400-jaran datrevenon. Rimarkinde estas noti, ke la nombro de la libroj kaj presaĵoj, aperintaj dum la 20-jara memstareco, altiĝas al pli ol 18.000, dume en 380 jaroj aperis nur 15000 presaĵoj.

4. La unua kompleta estonlingva biblio aperis en la jaro 1739, la unua gazeto-1776 kaj la unua universala enciklopedio en la jaro 1937.

5. Estonio estas unu el malmultaj landoj, kie regas manko de laborulaj, tiel ke oni devas ĉiujare ilin importi el aliaj landoj.

6. La arkivo de estona popolpoezio kaj skribita antikvaĵo estas plej granda en la mondo. Ĝi enhavas pli ol 400.000 da paĝoj da manuskripto (1932.)

7. La subtera trezoro de Estonio estas t.n. brulŝtono aŭ oleoŝtono. De ĝi estonoj eligas benzinon kaj centojn da oleo.

8. Familiaj nomoj de estonoj estas donitaj de germanaj pastroj kaj grandbienaj posedantoj antaŭ 100 jaroj kaj estis parte germanlingvaj (40 % de ciuj fam. nomoj). Nun, dum la sendependeco oni estonigis jam ĉ. 200.000 fam. nomojn. La agado daŭras.

---

# Vivofajro.

GUSTAV SUITS.

Vivofajro flagras ja kvazaŭ sun' sur bluĉiel',
vivofajro fulme ekbrilas kun bru' kaj bel' :
lumas ĝi dum plej malhela noktohoro,
brilas en pensoj, en nia laboro —
kaj estingiĝas por ĉiam.

Kial printempe muĝas maro kaj river',
sub kies paŝoj bruegas ter' ?
La sopiroj ardas kvazaŭ torĉo-flamaro:
Kunglan *) fabelan serĉadas junularo —
ĝis al pordego de Toonela **) venos ĝi.

Vivofajro ardas ja kvazaŭ aŭror',
vivofajro ruĝe flagras en la homkor'.
Vivofajro brulas kaj fine bruli ĉesas,
fajron estintan eĉ oni forgesas —
postrestos nur sole cindro.

Estas la cindro sankta, kiu restas.
Sed pli sankta la vivofajro mem estas.

(Trad. Hilda Dresen).

---

*) Fabellando.
**) Regno de mortintoj.



# Korespondoficejo

adreso : K. H. SPORTEL.
sekretario de T. A. G. E.
NIEUW-SCHEEMDA (Nederl.)

## Geinstruistoj :

Sro. V. Salivar. BiLINA, Ĉeĥosl.
Sro. Fraut. Tomau BRODEK U PREROVA. Ĉeĥosl.
Sro. Léon Leblond AMIENS. 46 Str. Capperonnier Francujo.
Sino. Michel 157. rue Bataille LYON Francujo.
Fino. Jeanne Dedieu 13 rue de Belfort. PRADES.
Sro. Stojko Dimitrov. Pyr. Or. Francujo MAHLA VELĈEVSKA. Trojan. Bulgarujo.
Fino. Matra Sasonova ASSENOVGRAD Bulgarujo.
Sro. Kiril P. Kunĉev str. Car. Samuil 35. BURGAS Bulgarujo.
Sro. Cor Salemink. Juliana Oord LAREN N.H. Nederlando.
Sro. A. Dominisse. Barierweg 230 EINDHOVEN. Nederlando.
Sro. Làzaro Fiury. SAN JORGE. F.C.C.A. Pcia Santate Argentino.
Sro. Dobri Baĉvarov. Ul. Rodopi, 113. PLOVDIV, Bulgarujo.
Sro. G. Dimitri. Ul. Marica Levi. 26. PLOVDIV. Bulgarujo.
Sro. Totja. N. Toteva. Ul. Stranĝa. 7. PLOVDIV. Bulgarujo.

## Gelernantoj :

Sro. Eugen Matírko. KOŜKE. LETNâ-30 Ĉeĥosl.
Sro. Junks Sunhe. P. O. Box 116. CANTON. Ĉinio.
Fino. Maryse Cassar Rosetta House School PORT SAïD. Egiptujo.
Sro. Marin Graŝnov }
Sro. Stojĉo Kovaĉev } gymnazio TROJAN. Bulg.
Sro. Dimĉo Vangelov GORSKI-IZVOR Haskova reg. Bulg.
Sro. Petko Bonev, Radecka 67 KAZANLIK Bulg.
Fino. Susana Sart, Str. Todor Bornov 4, SOFIO Bulg.
Sro. A. Butkus (18 jara akad.ano) Veterinaria Akademio Vilyampole KAUNAS Litovujo.
Sro. Stamo Dimitrov, Ul. G. Mamatĉev. 3, PLOVDIV, Bulgarujo.
Sro. Georgi Ganĉev, Ul. Rakovski 5, PLOVDIV, Bulgarujo.
Sro. Janko Dobrev, Ul. Balkan 6, PLOVDIV, Bulgarujo.
Sro. Stojĉo Totev, Ul. Neofit Bovzeli 37a, PLOVDIV, Bulgarujo.

## Lernejoj :

Tischlergewerbeschule SLIWEN Bulgarujo.
Knabengymnasium SLIWEN Bulgarujo.
Community High School, Sro. George J. Falgier, WINCHESTER, Illinois, U.S.A.

Uzu por viaj infankursoj la metodon

„LA JUNA VIVO".

Treege efika kaj . . . . malmultekosta.

Adreso: JUNA VIVO - WEST-GRAFTDIJK (N.H.)
Nederland.

Legu la interesegan monatan gazeton

„Nia Gazeto".

Jarabono: 2. sv.fr.

Adreso: 29. Av. de la Victoire. NICE. (Francujo).

LA HEROLDO,

nia internacia semajna gazeto.

— Legata en ĉiuj landoj! —

Petu abontarifon ĉe la administracio:
**Harstenhoekweg 223. SCHEVENINGEN (Nederland).**

GEINSTRUISTOJ.

Mendu tuj la unuan libron de la T.A.G.E.-bibliotheko: „Kiel eduki niajn infanojn" de Dr. A. Ferrière.

Por T.A.G.E.-anoj nur 0,50 ned. guld.

Adreso: T.A.G.E.-oficejo. Schoolstraat 13.
VEENDAM. Nederland.